# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 12/05/2012 Kvardeksepa Eldono 2012 13/05/2012 SENDITA


**Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!**

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ (se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

### Esperanto havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012

**La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,**

**La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.**

**Jonathan Cooper prelegos pri "Moderna arto": 26 majo 2ptm Esperanto Domo, Redfern**

**E-Vintro-Evento** okazos en Adelajdo kaj apuda Sheidow Park Ŝtat-Lernejo ekde la vespero de vendredo la 8a ĝis la vespero de lundo la 11a de junio 2011 (la naskiĝdatreveno de la Reĝino)

## Jonathan Cooper prelegos en Vjetnamio

Dum la universalaj kongresoj ĉiam okazas fakaj prelegoj kadre de IKU (Internacia Kongresa Universitato). Ĉi-jare en Hanojo unu el la prelegantoj estos Aŭstraliano. Jonathan Cooper prelegos pri moderna arto. Antaŭ ol prelegi en Vjetnamio li ja prelegos **ankaŭ en Sidnejo (la 26an de majo).**

Nicole Else nicole@cryogenic.net

## Aŭstraliaj Esperantistoj havas ĉ 200 legantojn

Sendu viajn komentojn, opiniojn, pensojn, ideojn, demandojn al AE

Sendu viajn lokaj gazetoj per retmesaĝo kaj mi resendos al 200 legantoj

rspring@tpg.com.au

## AEA forumo http://forumoj.esperanto.org.au/

Respondo al Nicole re la AEA forumo

Saluton,

AEA ja decidis malfermi la forumon, tamen nur por AEA membroj pro kelkaj kialoj.

Unue, AEA estas organizo, kiu apartenas al siaj membroj, kaj se vi ne estus membro, tiam vi ne rajtas partopreni en la diskutoj. La forumo estas servo por membroj de nia asocio. La samo okazas en multaj aliaj organizoj, se vi ne estus membro, vi ne povus partopreni.

La dua kialo estas por instigi novajn membrojn por aliĝi al la asocio. Se ĉiuj el niaj servoj estas liberaj por iu ajn, kial novaj membroj aliĝus al la asocio? sekve de tio, kiel AEA kreskus finance por provizi novajn aliajn servojn al siaj membroj? Se oni volas partopreni en la organizo de AEA, tiam oni devas esti membro

Riĉardo. Direktoro de informado, Richard Delamore <r_delamore@hotmail.com>

Nicole skribis

AEA decidis ree malfermi sian forumon, sed nun nur AEA membroj rajtas skribi en gxi. Kial tiu decido? Ĉu la AEA estraro pensas, ke esperantistoj kiuj ne estas membroj de AEA havas nenion interesan por skribi? Ŝajnas al mi, ke se AEA malpermesas al multaj esperantistoj afiŝi la forumo estos apenaŭ uzata kaj do tute malinteresa. http://forumoj.esperanto.org.au/ Nicole Else nicole@cryogenic.net

## Arthur Oliver, estas 100-jara

La 8-an de majo Arthur Oliver, nun loĝante apud Perto, estas 100-jara. Arthur kaj lia edzino Eileen, filion de la fama Tajni Goldsmith, starigis la eldonejon Esperanto Publishing Co. kaj eldonis multajn valorajn verkojn en Esperanto.

Iam post la Dua Mondmilito ili elmigris de Anglio al Australio.

Malgaŭ sia granda aĝo Arthur ankorau veturigas aŭton!

Trevor Steele <trevor.steele99@gmail.com>

Mi sendis informon al Sam Green re la ebleco elsendi 'La Universal Lingvo' per SBS http://www.sbs.com.au/article/107818/get-my-program-on-sbs

Roger Springer

Uno persono mortas kaj 100 milionoj ploras. Unu miliono mortas kaj neniu ploras.

Karaj Amikoj en Esperanto, Salutojn!
Mia nomo estas Gordon Coleman kaj eble vi jam aŭdis pri mi. Mi instruas ĉe Sheidow Parko Lernejo en SudAŭstralio, kie mia lernejestrino permesas al mi la indulgon instrui Esperanton al mia klaso. Ni havas ankaŭ alian afablan LOTE-instruiston. Ŝi instruas la japanan.

Eble vi povas memori kelkajn lernantojn de mia klaso ĉe la jubilea E-Kongreso de Adelajdo, kie ili prezentis mallongan teatraĵon en Esperanto.

Pasintjare mi aranĝis vintran eventon ĉi tie en Sheidow Parko kun la plena aprobo de mia lernejestrino. Ĝi okazis dum la longa semajnfino por celebri la naskiĝ-datrevenon de la Reĝino, kaj ricevis pozitivajn komentojn de la 20 spektantoj.

**Do, mi decidis okazigi alian tian eventon ĉi-jare, ekde vendredo la 8a ĝis lundo la 11a de junio, la longa semajnfino kiu celebros la ĉi-jaran naskiĝ-datrevenon de la Reĝino.**

Ni havos lecionojn matene kaj kelkajn post-lunĉajn okazaĵojn - eble malgrandajn teatraĵojn kaj/aŭ diskutojn pri temoj kiaj la estonteco de Esperanto en Aŭstralio kaj sugestoj por eblaj ŝanĝoj de la AEA-statuto.

Nia vintra evento, tamen, ne estos oficiala AEA-evento. Baze, ĝi estas evento de Sheidow Park Lernejo, kunvenigita de mi. La kotizo estos inter $20 kaj $30. La mono kolektita estos uzata por pagi necesajn elspezojn, kaj ia-ajn eventuala restaĵo povus esti donita al la SRC por helpi unu el ties projektoj, ekzemple, la subtenado de malriĉega infano en Srilanko pere de "World Vision".

Mia edzino, ne Esperantisto, refoje preparos matenan te-trinkaĵon kaj varman meztagan manĝon por ĉiuj.

Estas proksima loĝejo, hotelo, kaj ruldom-parko. Jen kelkaj Interretaj ligoj al ejoj kiuj proponas loĝejojn.

http://www.stfranciswinery.com.au/

http://www.woodcroftpark.com.au/

http://www.letyourself.com.au/accommodation/SA/adelaide-region/Hallett-Cove

http://www.takeabreak.com.au/hallettcove/Adelaide/accomodation.htm

Antaŭ kaj/aŭ post la E-evento, partoprenantoj povus ankaŭ viziti apudajn vinfarejojn en la kamparo aŭ la internacian Kabaret-Festivalon de Adelajdo, kiu tiam okazos en la urbocentro.

Mia retadreso estas: coleman839@gmail.com aŭ gordon.coleman@sheidowps.sa.edu.au

Ĝis revido,
Gordon Coleman, Adelaide, Tottenham Boy in Exile




## Miaj vojaĝoj tra la mondo

Mi ĵus ricevis donace belan libron. Temas pri libro verkita de la japana esperantisto Hori Jasuo kun la titolo **Miaj vojaĝoj tra la mondo.** Ĝi estas eldonita en februaro 2012. Li mencias 22 landojn kaj estas 2 paĝoj por ĉiu lando. Maldekstraj paĝoj havas facilan tekston kun kelkaj demandoj post la teksto. Dekstraj paĝoj havas tekston iom pli malfacila. Unu el la landoj priskribitaj estas Aŭstralio. Hori Jasuo ja partoprenis en la Universala Kongreso en Adelajdo en 1997. Mi pensas, ke tia libro tre taŭgus por duanivela Esperanto kurso kaj por tiuj kiuj ankoraŭ ne tre flue parolas Esperanton.

Amike, Nicole Nicole Else nicole@cryogenic.net




Jen la 7a rakonto kiun mi tradukis. Temas ĉi foje pri bona kristnask-rakonto. Vidu bildon kunmetitan.

http://www.youtube.com/watch?v=Cue7M9_GHNQ

Amike, Nicole
Nicole Else nicole@cryogenic.net




Nicole Else nicole@cryogenic.net



## rakonto numero 8

Jen ĉarma rakonto pri knabeto kiu deziras fariĝi pianisto. http://www.youtube.com/watch?v=jrWXYG18BMA

Amike, Nicole Else nicole@cryogenic.net

## Bonvenon al nia legantaro Rejno Oren, Lev Lafayette kaj Danton Black

Skribu al ni se vi deziras ke ĉirkaŭ 200 legantojn ricevi vian novaĵon, ideojn. "Aŭstraliaj Esperantistoj" sendata minimume unu foje semajne.

Roger Springer rspring@tpg.com.au

## Vortoj de "Lernu" Plenigaĵo de paĝo

ARTIFIKO

Lerta kaj ruza agmaniero aŭ procedo, per kiu oni celas imponi, iluzii aŭ trompi:

Tiu eksterordinare lerta artifiko havis bonan efikon.

Ili elpensis malican artifikon.

Lia konduto ŝajnas esti artifika.

Ili tion artifikis.

Li estas lerta artifikulo.

Artifikulo estas uzanto de komputa sistemo (precipe de komputila reto), provanta "enrompiĝi", senrajte atingi protektatan datumon.

Ŝi aŭskultis lian senartifikan rakontadon.

Mi tre ŝatis la libron "La Senartifikulo" de Voltero.

IMPLIKI

1. Malfaciligi aŭ malhelpi la movojn de iu aŭ io, senorde ĉirkaŭvolvante fadenojn aŭ ĉirkaŭplektante malliberigilojn:

Liaj haroj estis implikitaj.

Interimplikitaj fadenoj.

Fiŝoj, implikitaj en reto.

Birdo implikiĝis en kaptilon.

2. Malfaciligi, malhelpi la agadon de iu aŭ la efikon aŭ solvon de io per komplikaĵoj, senordaĵoj kaj konfuzaĵoj:

Ŝi estas implikita en krimo.

Li speciale implikis la kalkulojn.

Impliko de leĝoj.

Necesas malimpliki tiun aferon.

Am-impliko - neleĝaj amaj interrilatoj.